# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

29a jaro NOVEMBRO-DECEMBRO 1977 N-ro 6



*La stacidomo ROMA-Termini.*




## LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ROMA (ITALIO)
## 13a - 20a de majo 1978.

**Konstanta kongresa adreso:** 30-a Esperanto-Kongreso de IFEF
ĉe Dopolavoro Ferroviario di Roma
Via Bari 22 - I 00161 ROMA.

**Sendu la aliĝilojn al:** **CIT** — Compagnia Italiana Turismo
Ufficio Congressi
Piazza della Repubblica 68
I 00185 ROMA

| KONGRES-KOTIZOJ: (en usonaj dolaroj aŭ svisaj frankoj) nur por italoj en liroj | | | ĝis 31.1.1978 | de 1.2 ĝis 10.4 |
|---|---|---|---|---|
| Fervojist(in)o | membro de IFEF | ud | 23,– | 34,40 |
| | | sf | 53,65 | 80,45 |
| | | L. | 20.000,– | 30.000,– |
| Fervoja pensiul(in)o | " | ud | 11,50 | 17,20 |
| Familiano de fervojist(in)o | " | sf | 26,85 | 40,42 |
| Familiano de fervoja pensiul(in)o | " | L. | 10.000,– | 15.000,– |
| Ne fervojist(in)o | " | ud | 28,70 | 40,15 |
| | | sf | 67,– | 93,90 |
| | | L. | 25.000,– | 35.000,– |

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

**PREZOJ:**

**Loĝado:** vidu "Ĝeneralaj instrukcioj"

**Aliaj kotizoj:**

| | | |
|---|---|---|
| Deviga anticipo por loĝado (antaŭ 31.1.1978) | ud | 23,– |
| (en usonaj dolaroj aŭ svisaj frankoj) | sf | 54,– |
| nur por italoj en liroj | L. | 20.000,– |
| 14.5 urba rondveturado | ud | 4,– |
| | sf | 9,50 |
| | L. | 3.000,– |
| 15.5 internacia balo | ud | 5,75 |
| | sf | 13,43 |
| | L. | 5.000,– |
| 16.5 vizito de la vatikanaj Ĝardenoj kaj Muzeoj | ud | 8,50 |
| | sf | 20,20 |
| | L. | 7.500,– |
| 18.5 tuttaga ekskurso kun tagmanĝo | ud | 21,30 |
| a. etruska ekskurso aŭ | sf | 50,– |
| b. Viterbo-Bagnaia-Bomarzo | L. | 18.500,– |
| c. Tivoli kaj montetoj ĉirkaŭ Romo | ud | 19,50 |
| | sf | 45,60 |
| | L. | 17.000,– |
| 19.5 nokta urba rondveturado kun vizito al nokto-klubo | ud | 14,90 |
| | sf | 34,90 |
| | L. | 13.000,– |

**ĜENERALAJ INSTRUKCIOJ:**

1. Ĉiu partoprenanto devas nepre plenigi apartan aliĝilon kaj mendilojn por ĉambro kaj eventualaj ekskursoj kaj postkongreso kaj sendi ilin al CIT (Itala Kompanio pri Turismo) fervoja agentejo, kiu kunlaboras kun LKK por ĉiu aranĝo. Per la sama registrita letero li sendu ankaŭ bankĉekon (en dolaroj aŭ svisaj frankoj) titolita al "CIT - ROMA". Unu bankĉeko povas inkluzivi la kotizon (laŭ modelo A), la devigan anticipon pri loĝado kaj postkongreso, kaj la servojn eventuale antaŭmenditajn (laŭ modeloj B + C).
LKK varme petas, ke ĉiuj uzu tiun vojon por sendi monon. Uzu la sekvantan poŝtkurantan konton de LKK **nur se absolute via lando malpermesas** la sendadon de mono en la supre indikita maniero:

Conto Corrente Postale n. 61707006
30° Congresso Internazionale Ferrovieri Esperantisti
Via Bari 22 – I 00161 ROMA

Se **nepre** vi devas uzi la konton de LKK, sendu al LKK ankaŭ aliĝilojn kaj mendilojn.

2. Donu ĉiujn petitajn informojn tajpe aŭ preslitere.

3. La unuaj 630 aliĝintoj havos kompletan pensionon en la kongresejo "Domus Pacis", kiu situas en Via Torre Rossa 94 - Roma. Eventualaj kromaj gekongresanoj havos kompletan pensionon (je la samaj kondiĉoj) en la sufiĉe apuda kongresdomo "Domus Mariae".
En ĉiuj ĉambroj de "Domus Pacis" kaj de "Domus Mariae" (kvankam modeste aranĝitaj) estas lavabo kun varma kaj malvarma akvo. Kompreneble, kiu deziras loĝi pli komforte povas mendi ĉambron en unu el la poste indikitaj hoteloj.

4. Pagante por alia persono bv. mencii klare la celon kaj la kompletan adreson de la koncerna persono.

5. La kotizo ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenos la kongreson.

6. **Notu bone.** "Domus Pacis" postulas anticipon de 23 dolaroj por persono antaŭ la dato 31/1/1978. Tiu ĉi anticipo estas deviga por ĉiuj. Krome oni devas sendi la reston de la pago antaŭ la dato 10/4/1978.
La anticipo estas repagebla se la malmendo alvenas antaŭ 31/1/1978. Se la malmendo alvenas de 1/2/1978 ĝis 30/4 estas repagebla la restanta sumo, sed ne la deviga anticipo por la kompleta pensiono. Por malmendo alveninta post 30/4 neniu pago (rilate la pensionon) estas repagebla. Tamen, ĉar ĝenerale la samlandanoj aliĝas lastmomente kaj kompensas la nombron de la lastmomentaj malmendintoj LKK esperas repagi almenaŭ parton de la sendita sumo.

7. La internacia balo okazos en rezervita dancejo. La prezo inkludas unu trinkaĵon kaj transportadon de la kongresejo kaj reen. Bv. noti, ke en Romo ne ekzistas dancejoj sufiĉe grandaj por la antaŭvidita nombro de la kongresanoj. Pro tio nur la unuaj 350 mendintoj povos partopreni la balon.

9. La eniro al nokto-klubo estas malpermesita al la malpli aĝaj ol 18 jaroj. La prezo inkludas unu trinkaĵon.

10. Kiel dirite je punkto 6, antaŭ la dato 10/4/1978 oni devas pagi la reston de la sumo por la kompleta pensiono sed, **antaŭ tiu dato, oni devas pagi por ĉiuj servoj antaŭmenditaj.** Oni uzu ankaŭ tiam bankĉekon titolitan al "CIT - ROMA".

11. Sabaton la 13-an de majo privataj aŭtobusoj atendos la gekongresanojn ĉe la ĉefstacidomo Roma Termini de la 8-a matene ĝis la 16-a por akompani ilin al la kongresejo "Domus Pacis". La alvenintoj sin direktu al la akceptejo, kiu situos en la galerio de la stacidomo, fronte al la reloj.
Tiuj, kiuj alvenos per aviadilo, trovos ĉe la flughaveno aŭtobuson, kiu transportos ilin flanken de la stacidomo Roma Termini. Ankaŭ ili sin direktu al la akceptejo (marŝante preskaŭ 400 metrojn). Tiuj, kiuj opinias alveni al Romo ekster la indikitaj horoj, bv. informi la LKK, kiu penos, se eble, helpi ilin.

12. Estas necese dividi la gekongresanojn por pli bone aranĝi la ekskursojn. La viziton al la etruskaj restaĵoj (unikaj en la mondo) povas partopreni maksimume 200 personoj. La lastaj aliĝintoj, kompreneble, povos partopreni en la elektita ekskurso nur se restas liberaj lokoj.

13. Mendu vian fervojan bileton ĝis Napoli, se vi intencas partopreni la postkongreson.

14. Aparte en la lastaj semajnoj antaŭ la kongreso, Roma Radio dissendos informojn pri ĝi, dimanĉe, de la h. 21 ĝis 21.20 (MET). Jen la metroj kaj kilohercoj: 25,42/11.800; 30,90/9710; 41,24/7275; 49,92/6010; 50,08/5990.

15. **Loĝejoj.** Ĉe "Domus Pacis" estas disponeblaj preskaŭ 300 unulitaj ĉambroj. La prezoj en la dulitaj kaj la trilitaj ĉambroj estas tie la samaj por ĉiu persono. Dum la prezoj por 7 tagoj en "Domus Pacis" aŭ "Domus Mariae" rilatas al la kompleta pensiono, la prezoj por 7 tagoj en la hoteloj inkludas nur tranoktadon, matenmanĝon kaj impostojn. Kiu, elektinte hotelon, deziras manĝi ĉe "Domus Pacis", devos pagi por ĉiu manĝo preskaŭ 5.000 italajn lirojn. Ĉiuj prezoj por la hoteloj rilatas al ĉambro kun banejo.

| | | ĉambro | |
|---|---|---|---|
| **Prezoj:** | | **tri/dulita** | **unulita** |
| En kongresejo "Domus Pacis" (aŭ "Domus Mariae") (kompleta pensiono por 7 tagoj, komence de la tagmanĝo de 13.5; ekskluzive de la tagmanĝo de 18.5, kiam oni ekskursos) | ud<br>sf<br>L. | 117,–<br>273,50<br>102.000,– | 125,05<br>292,30<br>109.000,– |
| En hotelo "Midas Palace" (unuaklasa) por 7 tagoj (tranoktado, matenmanĝo, impostoj) | ud<br>sf<br>L. | 96,60<br>230,–<br>84.000,– | 131,60<br>314,–<br>114.000,– |
| En hoteloj "Consul" aŭ "Imperator" (duaklasaj) (tranoktado, matenmanĝo, impostoj) | ud<br>sf<br>L. | 84,–<br>200,–<br>73.000,– | 100,35<br>263,–<br>96.000,– |

16. **Kiu ne sendas la kongreskotizon antaŭ 10.4.1978 perdas ĉiun rajton pri la antaŭmendoj faritaj.**

**Komentario pri la aliĝilo por la 30a IFEF-kongreso en Romo.**

Estas rekomendinde tre atente trastudi ĉi-foje la aliĝilon, kiu estas tre ampleksa kaj enhavas ne nur limtempojn, sed ankaŭ kelkajn diversspecajn partojn ("modelojn"). LKK komisiis turistagentejon por organizi la ekskursojn ktp. Estas postulataj multaj antaŭpagoj, kiuj estas pagendaj aŭ en svisaj frankoj aŭ en dolaroj! Oni ne akceptas lirojn de neitaloj.

## GLUMARKOJ.

La Itala landa sekcio de I.F.E.F., komisiita de la L.K.K., pretigis aŭtogluantan dukoloran porokazan glumarkon kun la emblemo de la 30-a IFEF-Kongreso en Romo.
La glumarkoj kostos po unu italajn lirojn 50 inkluzive sendokoston (minimume dek pecoj) kaj povos esti menditaj ĉe la landaj sekcioj de IFEF aŭ rekte al:
G. Gimelli, Via Donato Creti, 61 I-40128 BOLOGNA (I).



## POSTKONGRESO EN NAPOLI – 20. - 22.5.1978.

**Programo.**

20.5. Tuj post la tagmanĝo ĉe "Domus Pacis" forveturo al Napoli per trajno. Rondveturado tra la urbo kun gvidisto. Vespermanĝo kaj tranoktado en Napoli (ĉiuj ĉambroj kun banejo).

21.5. Matenmanĝo ĉe la hotelo. Forveturo per aŭtobuso al Pompei kaj vizito de ĝiaj restaĵoj. Forveturo al Amalfi, kie oni tagmanĝos. Forveturo al Sorrento, kie oni faros mallongan halton. Vespere forveturo al Napoli, kie oni vespermanĝos kaj tranoktos.

22.5. Matenmanĝo ĉe la hotelo. Forveturo per ŝipo al Capri. Vizito de la "Lazura Groto". Transportado al Anacapri, kie oni tagmanĝos. Vizito de la Vilao San Michele. Transportado al Capri kaj reforveturo al Napoli per ŝipo. Transportado al la stacidomo kaj reforveturo per trajno al Romo, kiun oni atingos vespere.

**Prezoj.**

| Postkongreso en Napoli: | ud | sf | L. |
|---|---|---|---|
| – deviga anticipo | 23,– | 53,65 | 20.000,– |
| – en dulita ĉambro | 81,50 | 188,– | 70.000,– |
| – en unulita ĉambro | 89,60 | 207,– | 77.200,– |
| – duaklasa bileto (por ne-fervojistoj – iren kaj reen) | 6,90 | 16,– | 6.000,– |

# ORIGINO DE ROMO - LA KONGRESURBO

En latina kaj itala lingvo: ROMA, je ĉirkaŭ 50 metroj super la marnivelo meze de onduma ebenaĵo, kiu etendiĝas ĉe la piedo de la montaroj subapeninaj de la SABINA, trairata de la Tibro (itallingve TEVERE), estis la ĉefurbo (ALMA MATER) de la mediteranea civilizacio, la centro (CAPUT MUNDI), de kie, tra la vojoj de ĝia granda imperio, disradiis la arto, la juro, la scienco homaj. Ĝia antikva lingvo estas nun ankoraŭ la lingvo universala de la katolika religio kaj de la scienco kaj vivas ĉiam en la lingvoj, kiujn oni nomas romanaj. Centro de la katolika mondo, riĉigita per la trezoroj de monumentoj de la roma, papa kaj itala epokoj, ĝi estas nun la ĉefurbo de Itala Respubliko. Ĝia nura nomo sufiĉas por elvoki, en ĉiu klera homo, la vizion de ĝia historio trifoje miljara, de la brilego de ĝia arto, de unika ĉarmo, kiu faris ĝin la ideala restadejo de tiom da eminentaj fremduloj.

Sur la montetoj de la maldekstra bordo de rivero Tibro, je proksimume 25 kilometroj de la maro, ekzistis en la VIII-a jarcento antaŭ Kristo la religia ligo inter la vilaĝoj de paŝtistoj kaj terkulturistoj. Unu el ĉi tiuj vilaĝoj estis la primitiva Romo (la ROMO KVADRATA de la arkeologoj) sur Palatino; kiam ĝi akiris gravecon, ĝian teritorion oni limigis per kolonetoj: tiu tago povas esti konsiderata kiel



tiu de la fondo de Romo. La antikvuloj nur dum la Imperio akceptis la oficialan daton 753 antaŭ Kristo, sed jam frue ili interkonsentis festi la fondon la 21-an de aprilo.

La legendo pri ĉi tiuj originoj rakontis pri Evander, Herkuleso, Latino, Eneo, Lavinia, Amulius, Numitor, Romulus kaj Remus. Sendube serio da reĝoj regadis la malgrandan urbon. Dum la reĝa epoko, Romo starigis sian ĉefecon super malgrandaj latinaj centroj, dum la urbo pligrandiĝis kaj inter la V-a kaj IV-a jarcentoj a.K. plilarĝigis la muregojn.

La tradicio fiksas la falon de monarkio je la jaro 510 a.K. La nova respublika registaro estis PRAETORES, CONSULES kaj PRAETOR. La nomo de REX SACRIFICULUS restis nur al tiu kiu direktis la alvokon al dioj; gravaj estis la pastraj oficoj, el kiuj la PONTIFICES, kiuj favoris la evoluon de la juro, gloro de la roma genio.

Dum la frua respublika epoko, Romo bataladis kontraŭ la Etruskoj, kaj pri tio oni havas rememoron en la legendoj pri Horatius Coclites, Mutius Scaevola, Clelia, Porsenna. La tradicio rememoras pri la apartiĝo de la plebo

(daŭrigo sur la paĝo 90)

●●●

**MAPO DE ROMO (parto) - vidu apude →**

Ne povante doni al multaj petintoj tutan mapon de Romo, ni kompilis ĉi tie por ili tiun parton, kiu povos utili al ili je la unua fojo. Per aŭtobuso n-ro 64, kiun ili suriros tuj elirinte de la Stacidomo, tra Piazza Venezia ili sin direktos al Corso Vittorio Emanuele. Je la fino de ĉi tiu strato, antaŭ la rivero Tevere, ili malsupreniros, kaj irante ĉirkaŭ 250 paŝojn laŭlonge de la rivero, maldekstre, Ili atingos la preĝejon S. Giovanni dei Fiorentini, ĉe kies dekstra flanko startas la aŭtobuso n-ro 98, per kiu ili alvenos al nia Kongresejo "Domus Pacis" en Via Torre Rossa, 94.

*De Via Aurelia kaj Ringkunligo.*

## F.I.S.A.I.C. . . . dudek kvin jara.

Dum lasta septembro la FISAIC okazigis, kiel ĉiujare, sian ĝeneralan kunvenon; sed tiun ĉi jaron tiu kunveno ricevis apartan brilon, ĉar ĝi festis la dudek kvinan datrevenon de sia fondiĝo.
El la diversaj manifestacioj, kiuj signis tiun jubileon, ni unuavice citu la akcepton de la Urbestro de Parizo, la 22-an de septembro.
Je la 17-a horo iom pli ol sepdek partoprenantoj reprezentantaj la eksterlandajn kaj francajn kulturajn societojn, eniris, sub gvidado de s-ro BITSCH, Prezidanto de U.A.I.C.F., en belan salonon de la pariza urbo-domo. Ilin akceptis s-ino Hélène MISSOFEE, Ministro pri Kulturaj Aferoj kaj la reprezentanto de s-ro Jacques CHIRAC, Urbestro de Parizo, kies multaj okupoj kaj devigoj malebligis lian personan ĉeeston.
Nome de la urbestraro, ĝia reprezentanto trovis la taŭgajn vortojn por laŭdi la utilan agadon de FISAIC sur la tereno de edukado kaj kulturo. Li speciale akcentis la rolon de Esperanto, kiu faciligas la rilatojn inter la diverslandaj fervojistoj; li substrekis la multjaran agadon de la Esperantistoj en la kadro de FISAIC, kaj li memorigis la imponan laboron faritan kaj faratan de la Terminara Komitato. Konklude de sia parolado, li ofertis al D-ro SCHLESSER, Prezidanto de FISAIC, la oran medalon de PARIZO. La prezidantoj de la FISAIC kaj de UAICF dankis nome de ĉiuj pro la akcepto de la urbestro kaj pro la afabla invito al bufedo abunde proviziita per frandaĵoj kaj trinkaĵoj ĉiuspecaj. Fine D-ro SCHLESSER, kun sincera emocio, elvokis la memoron de s-ro MOLLION, iniciatinto de la FISAIC.
S-ro ROBIOLLE, Prezidanto de FFEA kaj f-ino LEMONNIER, eksprezidantino, kiu ĉeestis en Strasburgo la fondiĝon de FISAIC en 1952, reprezentis la IFEF-anojn ĉe tiu manifestacio.
Por la novaj IFEF-anoj, ni akcente memorigas la rolon de la Esperantistoj en la fondiĝo kaj en la disvolviĝo de FISAIC.:
Sekve de la renkontiĝo en Parizo dum oktobro 1947, de Nederlandaj kaj Francaj fervojistoj esperantistaj, sekve de la 3-a IFEF kongreso en Parizo en 1951, s-ro MOLLION, tiama Prezidanto de U.A.I.C.F. estis konvinkita pri la utilo de Esperanto en starigo de FISAIC. Pro tio al ĉiuj preparaj kunvenoj li invitis reprezentanton de FFEA, kiu ĉiufoje ricevis la parolon por substreki la avantaĝojn de Esperanto en internacia asocio, kaj por klarigi la agadon de IFEF, kies organizo povus fariĝi modelo por la kreota FISAIC.
En septembro 1952, s-ro Mollion invitis en Strasburgon reprezentatojn de pluraj eŭropaj kulturasocioj por fiksi la bazon de FISAIC.
Post la kreado de FISAIC, s-ro MOLLION petis de FFEA informi kaj instigi la kulturajn eksterlandajn asociojn grupiĝi, kiel en Francio, en komuna Unuiĝo. Por tiu propagando li oficiale delegaciis f-inon LEMONNIER, tiama Prezidantino de FFEA.
Plie dum la 6-a IFEF kongreso en Verona FFEA proponis kunlaboradon de IFEF kun FISAIC, propono unuanime akceptita (LIF No 6/1954). El tiuj diversaj klopodoj pluraj landaj Unuiĝoj kreiĝis kaj aliĝis al la nove fondita FISAIC.

Konklude se la Esperantistoj kontribuis al la disvolviĝo de FISAIC, ĉi tiu seninterrompe subtenis la Esperantistan Fervojistan movadon. Tial ni ĉiuj rajtas fieri pri la vortoj diritaj favore al Esperanto en la urbo-domo de Parizo la 22-an de septembro 1977.

G. Lemonnier,
FFEA.

## NEKROLOGOJ

### AŬSTRIO

Mortis nia kara samideano

**Franz BAUMGARTINGER,**
**en aĝo de 88 jaroj.**

Li komencis lerni Esperanton en la jaro 1932. Li, dum multaj jaroj estis funkciulo de la Esperantogrupo "Verda Stelo" en Salzburg. Li estis afabla multe ŝatata homo, fervore partoprenanta en la Esperanto vivo, restinte fidela al niaj idealoj ĝis la fino de sia vivo.

### ITALIO

La 18an de julio forpasis en Casalecchio Di Reno apud Bologna

**Giovanni GADDONI,**

iama lokomotivisto, membro pli ol 25 jaroj, delegito de UEA,

kaj la 12an de oktobro en Bologna

**Martino FAGGIOLI,**

oficisto ĉe la elektra fako de Ŝtataj Fervojoj en Bologna. Ankaŭ li estis membro pli ol 20 jaroj.
Ni perdis du valorajn membrojn kaj kondolencas al la familioj. IFEF konservos al ili bonan rememoron.

IFEF-estraro.

(daŭrigo de la paĝo 88)
sur Aventinon, kaj la kodigo de la "12 leĝtabeloj", al kies kreo rilatas la legendo pri la DECEMVIRI, pri Appius Claudius kaj Virginia (ĉirkaŭ 450 a.K.).
Kun la plivastigo de la ŝtato per la militoj kontraŭ la Latinoj, Ernici, Aequi kaj Volsci pligrandiĝas ankaŭ la potenco de la plebanoj, por kiuj estis atingeblaj la KVESTORECO en 421, la KONSULECO en 366, poste la PRETORECO, la CENZORECO kaj la altrangaj pastraj oficoj.
Kiam la urbo Romo estis fondita, en la Centra Italio regadis la etruska arto, kiu disvastiĝis ankaŭ ĉe popoloj ne etruskaj, sed italaj: Umbroj, Latinoj, Sabinoj, Volskoj; centro de tiuj popoloj estis Romo, kiu ekde sia naskiĝo ekludis la grandan rolon de unuiganto de la duoninsulaj gentoj en ununuran Nacion. Romo ekde la unuaj tempoj havis civilizacion analogan al la etruska; la tradicio atribuas al artistoj el Veii la dekoracion de la Templo dediĉita al Jupitero Kapitola (509 a.K.) kaj eltrovaĵoj en Veii pruvas, ke tie efektive ekzistis artista skolo kaj ke la nomo de skulptisto Vulca, al ni alveninta, estas aŭtentika. Tullianum, tre antikva cisterno, kaj la Grandega Kloako atestas la altan gradon de civilizacio atingita de Romo. Je la mezo de IV-a jarc. a.K. novaj ondoj de helenismo konigis en Etrurio la maturajn formojn de la helena arto, poste de la helenisma arto. Tial, kiam Romo entreprenis la konkeron de Grekujo kaj Malgranda Azio, ĝi estis jam preparita por akcepti rekte la helenajn influojn. La konkero alfluigis en la Urbon milope la artajn verkojn kaj naskis artan movadon.

LKK.

# PRI VARBADO/INFORMADO KOMISIONO (V.I.K.)

Post kelkaj monatoj ni parolos pri nia IFEF-Kongreso en ROMO kiel evento jam alveninta. Mi memorigas al ĉiuj responsuloj pri Informado/Varbado ĉe la landaj asocioj de IFEF, ke ni havas gravajn taskojn pritraktotajn en ROMO.
Bonvolu tiuokaze relegi la raporton aperintan en "I-F" n-ro 4 (Julio/Aŭgusto 1977), kiu indikas la planon starigitan en SWANWICK.
Cele, ke niaj laboro-kunsidoj en ROMO agrable kaj pozitive disvolviĝos, estas necese, ke ĉiuj responsuloj respektu la limdaton fiksitan, t.e. la 1-an de marto. Mi aldonas, ke tiu dato estas **limdato**, sed ekde nun vi povos sendi al mi viajn tradukitajn informilojn; tiu frua sendaĵo faciligos al mi la aferon. Anticipan dankon.
Kiel vi povas legi aliparte en tiu bulteno, okaze de la ĝenerala kunveno de la FISAIC en Parizo, en septembro 1977, oni varme laŭdis la idealon kaj la dinamikan agadon de la esperantistoj ĉe la multaj fakoj de FISAIC.
Tio signifas por ni firman subtenon de FISAIC vid-al-vide de la diversaj landaj asocioj, sed samtempe ni devu esti indaj de tiu estimo kaj meritu helpon.
Estos necese — nepre necese — ke nia membraro ĉe IFEF ne plu malkresku kiel ni konstatis de post kelkaj jaroj. Ĉiu lando povas fari malgrandan geston en tiu direkto, t.e. aliĝigi 5 aŭ 10 membrojn. Eĉ se oni konsideras la fakton, ke kelkaj orientaj asocioj ne povas fari tion, estas sufiĉe da landoj, kiuj povas plibonigi tiun situacion. Tiamaniere, ekde nia venonta IFEF-Kongreso ni trapasu la limon de 3.000 membroj. Kiu parolas, tiu devas doni ekzemplon. Pro tio, ĉar en Francio, la varbado sufiĉe bone funkcias, FFEA estas preta plialtigi sian membraron ĉe IFEF de 100 membroj. Konsiderante, ke ni nombras nur 2.815 IFEF-anojn, restas do proksimume 90 membroj, kiujn 19 landoj devos alporti. Ĉu estas tro postuli?
Mi lasas al vi la respondon kaj esperas, ke vi konsentos pri tiu necesa antaŭiranta paŝo.

P. ROBIOLLE
Gvidanto de la V.I.K.

# INVITO AL:

## SKISEMAJNO.

Nome de la Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) sinjoro Josef Weidacher, Schneefinkenweg 11, D-800 München kaj kelkaj helpantoj diligente preparlaboras la 19an Internacian Fervojistan Esperanto-Skisemajnon en Grainau apud Garmisch-Partenkirchen - Germanio, por ke la partoprenontoj dum la 11a ĝis la 18a de februaro 1978 senprobleme ĝuu la varian vesperan programon kaj dumtage libere elektu el la multnombraj eblecoj: ĉu skiadi surmonte, skimigri envale, sledi, sunbani, amuziĝi sur glitŝu-glaciejo, salti en enhalan ozonhavan akvon, sporte migri, agrable promeni, kegli aŭ en unu de la hejmecaj lokaloj gustumi bavaran bieron. Certe ĉiu trovos sian specialan ŝatokupon. Partopreni



rajtas kompreneble ankaŭ nefervojistoj, eĉ nov-komencantoj, ili nur kunportu la firman deziron lerni la Internacian Lingvon kaj partopreni la Esperanto-intensivkurson, aranĝita dum tiu semajno. Ĉe via alveno en Garmisch-Partenkirchen vi povas ŝanĝi monon en la stacidoma monŝanĝejo, kie eĉ esperantistino deĵoros.

Se mankas al vi aliĝilo (limdato estas la jarfino 1977) turnu vin al la IFEF-sekretariino Elfriede Kruse, Wiener Str. 121, D-6000 Frankfurt/Main-70.

Nia Restadejo "Haus Hammersbach" estas moderna instruad- kaj refreŝigdomo kaj disponas pri bonaj du- kaj trilitaj ĉambroj diverskategoriaj (vidu la antaŭajn publikaĵojn ĉi-loke) kaj baldaŭ vin anoncu. Ankoraŭ estas liberaj lokoj, tamen la partoprennombro estas limigata. Rapidu, GEFA ĝojos bonvenigi vin en Grainau.

Elisabeth Ritterspach.

**STATUTŜANĜOJ, kiuj estas deciditaj de la IFEF-komitato en la 29a kongreso en Swanwick.**

(bonvolu distranĉi ilin kaj gluu ilin en vian propran statuton. Statutoj haveblas ankoraŭ ĉe la sekretariino)

**§ 7 ĝen. reg. al c)**

Post la unua frazo envicigi jenan tekston: "La komitato povas delegi al la estraro por 2 jaroj - unu elektoperiodo - la rajton, eltrovi kandidaton por honora membreco interkonsente kun ties landa asocio kaj havigi la postan aprobon de la komitato, kaze ke la cirkonstancoj malfaciligas antaŭan aprobon."

**§ 15**

Aldonu sub "Ĝenerala Regularo" novan punkton: "al (3) Dum kongresoj tamen validas § 15 (1) kaj al (1).

**§ 23 (1)**

En la 6a linio anstataŭu la komon per punkto. Forstreku la reston de tiu ĉi frazo de "kondiĉe" ĝis "estraro" kaj post la nova punkto envicigu jenan frazon: "Tia ripeta voĉdonado ne okazu en la sama kunveno".

Krome en ĝen. reg. al (1) forstreku la unuan alineon.

**§ 28**

Forstreku la punktojn (2) b) kaj c), d) fariĝas b).

**§ 24**

La nuna teksto ricevas la ciferon (1)

Aldonu novan alineon:

"(2) La komitatano A por UEA povas ricevi vojaĝkompenson, se li partoprenas en la Universala Kongreso, sed nur laŭ bezono kaj maksimume ĝis valoro de 100 svisaj frankoj.

*Marjorie BOULTON verkis por IF:*

## *MIAUDAS!*

*Preleginte, instruinte, kajtielpluinte, kiel gasto de IFEF en Svanviko, kaj tre impresite per la bona laboro kaj frata etoso de la IFEF-anoj, mi revenis al mia dometo en Oksfordo. Inspiraj kaj pensigaj estis miaj travivaĵoj. Kiel dediĉitaj kaj vere malegoismaj estis multaj IFEF-anoj! ne nur fervojistoj, sed fervoristoj; kaj se fido proverbe povas movi montojn, eble tia fervoro povus vori feron? Mi meditis noblacele. Kutime miaj celoj estas noblaj, sed mi kutime ne atingas ilin. Tiel multerilate ekzempla estis tiu kongreso! Nu, ĉu mi ne devus pli bone kaj larĝe propagandi, varbi?*
*Kiel plibonigi nian propagandon?*
*Sed unue mi devis rearanĝi objektojn; lavi vestaĵojn; legi miajn tro multajn intertempe alvenintajn leterojn; meti en keston certajn rubandojn, katon, muson, silentajn.*
*La sekvantan tagon, revenis el kat-hotelo, kiun ili eble kredis malliberejo, miaj du malsilentaj katoj, Oliver kaj Bodkin, tre kontentaj, ĉar mi ne plu provas esti fervojistino, kaj ili povas libere misvivi en mia hejmo.*
*Oliver estas siama kato, de la subspeco nomita* ***linkomaska****, kun belaj strioj, kvankam pro tro scivolema esplorado sur mia skribotablo li foje iĝis* ***sciama*** *kato* ***inkomaska****. Lia voĉo estas laŭta kaj lia miaŭa vortaro varia por plendi, peti, riproĉi, sakri, danki, defii, atentigi, kaj eĉ amike babili. Li havas genealogion, tutan tabelon pri aranĝitaj geedziĝoj inter kataj nobeloj. Lia amiko Bodkin estas pleba tigrostria kato, kies familian historion nur la naturo aranĝis; sed Bodkin estas bela, amema, parolema; kaj Oliver iam instruis lin miaŭi pli laŭte kaj klare; tion mi iam vidis. Tial en mia dometo ofte okazas trivoĉaj konversacioj, kiujn mi povas pli-malpli traduki en Esperanton.*
*Kompreneble, ilia tuja tasko, post elsalto el transporta korbo, estis reordigi mian dometon laŭ kataj kriterioj: do, Oliver kaj Bodkin rapide dereligis, ŝuntis sur flanktrakojn, malkoneksis, devojiĝis, malfruiĝis, perdiĝis kaj ĝenerale dukatumis ĉion. (Se vian hejmon regas eĉ unu kato, vi komprenos sen gloso precize kiel du katoj dukatumas hejmon.) Ili solvis la problemojn de tro multaj leteroj, piedbatante ilin de sur la skribotablo; por ke mi ne gladu multajn lavitajn tolojn kaj vestaĵojn, helpe platigis ilin, sed ĉife, per sursidado; helpis min ne tro manĝi, forprenante pecojn de sur mia telero; kaj por ke mia banĉambro ne estu banala, kovris la bankuvon per elegantaj nigraj markoj. Post la ĝentilaj, disciplinitaj fervojistoj mi bezonis tempon por real****kat****imiĝi al ilia konduto.*
*Ili ankaŭ estis, kiel ĉiam kiam mi revenas post foresto, tre parolemaj; ili volis konfirmi, ke vere mi revenis, mi ankoraŭ amas ilin, mi aŭdas iliajn petojn, mi aŭskultas iliajn rakontojn pri la kat-hotelo, mi aŭtoras ĉe la skribotablo, mi aŭtomate karesas velurajn kapetojn premitajn sub mian manon, mi-aŭ, miaŭ, miaŭ!*
*Sed finfine, kiam ili iom kvietiĝis, ili eksidis sur miaj genuoj kaj demandis al mi, kion mi faris dum la semajno.*

*"Nu, mi faris vojaĝon . . ."*
*"Fromaĝon!" tuj reagis eta Bodkin, por kiu fromaĝo estas eble la pinto de tera feliĉo, "ĉu vi faris fromaĝon, kaj ne portis por mi pecon?"*
*"Ne fromaĝon, eta Boĉjo, sed vojaĝon – longan iron – al Svanviko, kie mi ĉeestis konferencon de IFEF. Estis granda amaso . . ."*
*"Anaso? miaŭ! miaŭ! mi volas iri kun vi, tien, kie troviĝas anaso . . ."*
*"Ne anaso, Oliver, sed hom-amaso; revelurigu viajn piedetojn – mi ne havas tempon por fliki ŝtrumpojn – kaj aŭskultu pli atente. La etoso estis frateca; regis sereno . . ."*
*"Reno, reno, miaŭ!"*
*". . . bonordo kaj honesto . . ."*
*"Ho, nesto! Kiom da bîrdidoj en la nesto?"*
*"Kara mola Bodkin, mi parolas pri moralaj ecoj, kiujn vi ne volas kompreni. Troviĝis tie multa esperantista ardo . . ."*
*"Ĉu esperantista lardo estas pli bongusta, ol dana lardo? Mi volas lardon nun kaj tuj! Ni iru al la fridujo!"*
*Kaj Oliver kuris al la pordo, sed, ekkomprenante, ke suplementa manĝo ne estas sur la tagordo, nur protest-simbole gratetis fotelon kaj deprenis folion de potplanto antaŭ ol li revenis sur mian sinon.*
*"Nu, vi aŭskultu pri io edifa. Troviĝis tie multa fidelo . . ."*
*". . . sardelo. . ." murmuris mola Bodkin, plezurreve premfermante la okulojn.*
*". . . multa servopreta reciproko. . ."*
*". . . salikoko . . ."*
*"Se vi insistas knedi min, bonvolu eningigi viajn klingojn. Mi trovis la fervojistojn tre ĝentilaj; eĉ al mi, grasa kaj ne juna, multaj viroj estis vere galantaj . . ."*
*"Se ili proponis al vi galantinon, vi devus reporti por mi porcion, miaŭ!"*
*"Oliver, mi diris galantaj. Sinjorino Kruse prizorgis min tre afable kaj amike, klarigis siajn planojn kaj problemojn . . ."*
*Bodkin larĝe malfermis la verd-orajn okulojn.*
*"Flanojn kaj kremojn, ho, kial vi forgesis nin? vi scias, ke mi ĉiam volas leki la kremon de sur flano!"*
*". . . kaj donis al mi la necesajn kuponojn . . ."*
*". . . Kaponojn! ron, ron, ron, ron, ron . . ." kaj Oliver batpuŝis sian malsekan nazon kontraŭ la mian. "Kiel bone estus, viziti la fervojistojn! Ili havas fromaĝon, anason, renojn, neston, lardon, sardelojn, salikokojn, galantinon, flanojn kun kremo, kaponojn! Hura por la fervojistoj!"*
*"Hurau ja por tiuj bravaj homoj, sed, miaj karaj katoj, ne lasu vian ĉefan penson tiel malakrigi viajn orelojn."*
*Oliver proteste elektis fadenon el la teksaĵo de mia robo, kaj tiris ĝin ĝis ĝi pendis tre rimarkeble.*
*"Miaj oreloj estas tute akraj; vidu, ili staras rekte sur mia kapo, ĉar mi aŭdas tiom da belaj vortoj."*
*"Sed lasu min paroli pri la simpatiaj fervojistoj. Mi laboris tie, per prelegoj . . ."*
*"Mi volus kapti tiujn frugilegojn. . ."*
*". . . kaj mi ricevis aplaŭdojn . . ."*

*"... sed kial ne porti la alaŭdojn hejmen?"*
*"Kelkaj lecionoj iĝis preskaŭ seminario ..."*
*"Ankaŭ kanario!"*
*"... kaj prelego mia aperos kiel artikolo ..."*
*"... kaj rubekolo! Ho, kial vi ne portis nin tien?"*
*"Unue, ĉar vi estas tro pezaj; due, ĉar en korbo vi konstante miaŭas; trie, ĉar mi ŝatas la fervojistojn kaj vi du kapablus rapide saboti tutan kongreson. Kaj vere estis tie malmultaj mankoj ... nu, eble mi iom sentis la mankon de tabulo por afiŝoj kaj anoncoj. .."*
*"... fiŝoj, fiŝoj kaj anĉovoj ..."*
*"... kaj taŭga loko por leteroj ..."*
*"... butero, butero! ho, buĉjo, buteronronronronrono!" deliris Bodkin, por kiu butero eble superambrozias eĉ fromaĝon, kaj liaj antaŭkruretoj ŝajnis du etaj piŝtoj.*
*"Sed ĝenerale mi tre admiris la aranĝojn ..."*
*"... manĝojn, manĝojn ..." murmuris la du katoj, kaj ronrone daŭris, "manĝojn ... mnĝn ... mnĝn ... mn ... mn ... mnnn ..." ĝis ili endormiĝis, kaj mi komprenis, ke ne utilas klarigi pri kulturaj eventoj, al du molharaj demonetoj, kies oreloj aŭdas nur tion, kio interesas la orelposedantojn.*
*Tamen, el nia fuŝa konversacio mi povas kompreni gravajn punktojn pri propagando, ĉu ne?*
*Oreloj ne ĉiam aŭdas, kion buŝoj diras; sed penetras orelojn vortoj, pri la aferoj plej interesaj, ne al la parolanto, sed al la aŭdanto.*

Noto de la Redaktoro:
Ni ege dankas s-inon BOULTON pro tiu tre deli-"kata" prozo.


*Oliver kaj Bodkin*

# ANONCETOJ

**SERĈAS**

Prunte aŭ donace "Internacia Fervojisto" - n-roj 7/1966 kaj 2/1968.
Ladislav Láni, Pod vrchem 59, 31207 Plzeň, Ĉeĥoslovakio.

**REVUO "KOLEKTANTO"**

Ĉiu interesato pri tiu ĉi revuo povas ricevi senpagan specimenan numeron, petante ĝin de la redakcio de "KOLEKTANTO" 1407 SOFIA, Poŝtkesto 46, BULGARIO.

**KORESPONDU . . .**

FERVOJISTA KORESPONDA SERVO halpos vin trovi, laŭ viaj deziroj, korespondantojn. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Skribu senprokraste al:
**F.K.S., 76, rue Bataille 69008 LYON, FRANCIO.**

**JARKOLEKTO "I.F." 1976 & 1977**

Kelkaj ekzempleroj haveblaj ĉe la presisto kontraŭ sendokostoj.

# GRAVAJ ENHAVAĴOJ



BONDEZIROJ POR 1 9 7 8.

AL ĈIUJ NIAJ MEMBROJ KAJ GEAMIKOJ NI PLEJ KORE DEZIRAS AGRABLAJN FESTOTAGOJN KAJ ĈION BONAN POR LA VENONTA JARO.

I.F.E.F.-ESTRARO.

**La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.1978.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.